# INTERNACIA ĴURNALISTO

n-ro 1/92




Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)



**Eĉ surduloj povas komunikadi telefone**

*Jam ekzistas aparatoj, per kiuj eĉ surduloj povas per telefono komunikadi kun aliaj. Tamen la plej nova aparato de l' germana kompanio Siemens estas konsiderinde pli bona kompare al la antaŭa generacio. Ĝi estas ligita al eta komputilo kaj ne plu bezonas tielnomatan akustikan kuplilon. Tiel oni evitas fuŝojn ĉe transsendado pro malbonaj telefon-linioj. La surda knabo montras al sia fratino la tekston, kiun li skribis, sur la ekrano. Vere, la elektronika komunikado progresas rapidege. Legu pri tio ankaŭ la artikolon de Rüdiger Eichholz sur paĝoj 6 ĝis 8.*

## ENHAVO

*KOLOFONO*

**INTERNACIA ĴURNALISTO**
Organo de
TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)
Aperas 4foje dum jaro.
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-8900 Augsburg, Germanio, tel./telefakso (49) 821 / 520385
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.
*Verantwoordelijke uitgever:*
Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-W-8900 Augsburg, Germanio

Vicprezidanto: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio

Ĝenerala Sekretario: Evgeni GEORGIEV, Baĉo Kiro 35/II, BG-1202 Sofia, Bulgario

Kasisto: Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Cittadella (PD), Italio

Estraranoj:
Davor GRGAT, Paiĉeva 21, YU-58000 Split, Jugoslavio

Walter HABERL, Radio Wien ORF, Esperanto-redakcio, poŝtfako 700, A-1041 Wien, Aŭstrio

Lech KOSIENIAK, ul. Piekna 16 b/9, PL-00539 Warszawa, Pollando

Stano MARĈEK, Sobotské nám. 6, CS-058 01 Poprad, Ĉeĥoslovakio

Vasilij STANOVIĈ, str. Samborska 78, kv. 34, Lvovskaja oblastj, SU-293720 Drogobic, Sovetio

# OFICIALAJ INFORMOJ

## de la TEĴA-estraro

### Membrokunveno 1992

Ĝi okazos dum la 77a Universala Kongreso de UEA en Vieno, Aŭstrio (25a de julio ĝis la de aŭgusto 1992). Eble ni povos komuniki la precizajn daton kaj horon jam en la venonta numero de nia organo.

### Kotizo

Pro pluraj demandoj, ni ankoraŭfoje atentigas, ke TEĴA ne jam havas oficiale fiksitan novan membrokotizon. Ni tamen konscias, ke la ĝis nun (ekz. en la Jarlibro de UEA) indikita kotizo de 2 usonaj dolaroj estonte ne sufiĉos. Tial do ni petas ĉiujn, kiuj kapablas, pagi laŭ siaj ebloj pli altan sumon kaj eventuale aldoni donacon (vidu sube).
Definitivan membrokotizon ni fiksos certe dum la kunveno en Vieno 1992.

### Proponoj al la membrokunveno

Atentu, ke kaj laŭ la malnova kaj laŭ la nova statuto por proponoj pri modifoj de la statuto validas limdatoj.
Por aliaj proponoj al la membrokunveno ne necesas limdato; tamen estas konsilinde, sendi ilin sufiĉe frue al la estraro, tiel ke eventuale ni povas aperigi ĝin antaŭ la kunveno en IJ. Tiel la membroj jam konas ties enhavon, kio faciligas la proceduron.

# ANONCETOJ

**Prezo: por 1 linio 0,30 germanaj markoj - Por membroj de TEĴA unu anonceto (ĝis 10 linioj) jare estas senpaga.**
**Pri prezoj de aliaj anoncoj kaj reklamoj petu prezoliston de l' redakcio.**

**SOMERUMI apud ADRIATIKA MARBORDO!** En bela kaj silenta dometo, en Esperanta rondo, 100 m de la maro, sur la magistralo inter Split (17 km) kaj Omiŝ (6 km), vi povus somerumi por tre popularaj prezoj. Interesiĝantoj skribu al: Davor GRGAT, Paiĉeva 21, 58000 Split, Kroatio (tel.: 058/512-565) aŭ rekte al la Somerumejo: Davor GRGAT, 58315 Dugi Rat, Jugoslavio. Por luigado de la ĉambroj kaj eventuale kuirejo, estas dezirinde skribi antaŭe por certa rezervigo. Per silento en pinarbaro, vi povas ĝui varman sunon, belan plaĝon por bani, naĝadi, veli, kaj krom kultur-artan kaj amuzan vivon en apuda industria urbeto Dugi Rat, vi povas viziti Split, Omiŝ aŭ insulojn Braĉ, Ŝolta ... kaj memkompreneble E-societon ktp.

*

Mi kolektas **KRISTNASK-SALUTKARTOJN**. Bonvolu sendi karton, kiu estas tipa en via lando. Mankas al mi ekzemple kartoj el Hungarujo, Svisujo, Luksemburgo kaj el multaj landoj ekster Eŭropo. Kion vi deziras ricevi reciproke? Adreso: G. Nørgaard Jepsen, Ladelundsvej 28, DK-8600 Silkeborg, Danujo.

# MEMBROKOTIZO

## de TEĴA por 1 jaro:

***momente nekonata***
*(La estraro ankoraŭ ne povis proponi al la membrokunveno novan kotizon. Tial ni petas tiujn, kiuj povas, ĝiri provizore sumon laŭ propra takso; ni konsilas, pagi minimume 10 germanajn markojn aŭ egalvaloron.)*
Por ĝiri membrokotizojn aŭ donacojn al TEĴA bonvolu atenti la apudajn indikojn pri pagmanieroj al FEL, kiu enkasigas la kotizojn de TEĴA-membroj.

### KIEL PAGI AL FLANDRA ESPERANTO-LIGO?

- Se en via lando ekzistas poŝtĉekkonta sistemo, vi povas pagi al poŝtĉekkonto n-ro 000-0265338-43 (poŝtĉekoficejo Bruselo, Belgio), de Flandra Esperanto-Ligo;
- Petu al via poŝtoficejo fari internacian poŝtmandaton je nomo de Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.
- Se en via lando ekzistas Eŭroĉekoj, vi povas sendi al ni tian ĉekon. La valuto devas esti la belga franko (BEF) kaj dorse de la ĉeko devas troviĝi via bankkartnumero. Se unu el la du lastaj postuloj ne estas plenumita, la banko subtrahos 225 BEF pro la bankkostoj;
- Se vi havas konton ĉe UEA, sendu ĝirilon kaj menciu la sumon en belgaj frankoj. La kontkodo de Flandra Esperanto-Ligo ĉe UEA estas fela-x;
- Se vi havas kurantan konton ĉe FEL, en kiu estas bonhavo, faru nenion. Ni simple subtrahos la necesan sumon de via bonhavo;
- Se vi havas konton en usona banko, sendu al ni ordinaran usonan bankĉekon. En tiu kazo la valuto devas esti la usona dolaro (USD). Pri la kurzo de la dolaro unue informiĝu ĉe via banko;
- Se vi posedas kreditkarton *Eurocard, Access, Visa, Fujicard* aŭ *Mastercard*, eblas pagi citante la numeron kaj la validodaton de la karto. Se vi mencias tiujn okaze de la mendo, ne aldoniĝos kostoj. Se vi sciigas ilin nur post ricevo de la fakturo, aldoniĝos 5% pro administraj kostoj;
- Se vi ne povas pagi laŭ unu el la sep supraj vojoj, uzu la jenajn, kiuj tamen kostos al vi pli:
  - Sendu al ni ordinaran bankĉekon el via lando, prefere en belga valuto. Aldonu al la sumo 225 BEF aŭ ties egalvaloron por la bankkostoj;
  - Sendu al ni internaciajn respondkupojn maldekstre stampitajn. Unu respondkupono egalas al 25 BEF.

Por limigi la bankkostojn, vi povas pagi pli altan sumon. La tro pagita mono eniros konton vian, pri kiu vi povas disponi por estontaj mendoj.
Pagante bv. nur mencii vian FEL-kodon kaj la fakturnumeron (troveblan sur la fakturoj). Bv. ne ripeti la mendon.

# Kuraĝiga, sed malvasta eĥo de la membroj

## Mesaĝo de la prezidanto

**Kvankam mi mem avertis en la unua numero de l' nova INTERNACIA ĴURNALISTO, ke ni devas ne atendi tujan renesancon de nia fakasocio, mi tamen iom miris ke tiom malvasta estis la eĥo el la membraro.**

La revuo eliris fine de oktobro, sed ĝis redaktofino de ĉi tiu numero (meze de decembro 1991) alvenis nur malgranda nombro de aliĝiloj kaj enketiloj – kaj preskaŭ neniuj reagoj al la statutopropono.
Povas esti, ke parte kaŭzas tion la malbonaj poŝtaj servoj ekz. en orient-eŭropaj landoj, ĉar precipe el tiuj landoj alvenis preskaŭ neniuj leteroj. Sed povas ankaŭ esti, ke niaj tieaj membroj nun havas tute aliajn zorgojn kaj problemojn ol okupiĝi pri TEĴA.

### Precipe aktivuloj

Inter tiuj, kiuj reagis iamaniere, estis precipe aktivuloj iamaj kaj nunaj; kiel pozitivan aspekton mi povas konstati, ke ili preskaŭ ekskluzive kuraĝigis la novan estraron kaj aparte la prezidanton.
Sed kio estas pri la multaj gekolegoj, kies nomoj troviĝas sur la malnovaj membrolistoj? Ĉu ili jam komplete rezignaciis post la spertoj de l' antaŭaj jaroj pri TEĴA? Ŝajnas al mi, ke tio povas esti unu el la kialoj por la malgranda eĥo. Ĉar kompreneble, se oni foje perdis fidon, daŭras longan tempon por reakiri ĝin.

### Enketo daŭras

Interese estas, ke sur la resenditaj enketiloj oni trovas ankaŭ vastan aprobon de la tie prezentitaj celoj, taskoj kaj planoj; multaj respondintoj aldonis pliajn, parte tre bonajn ideojn. Tamen ni ne jam nun volas ekspluati la enketon, sed atendi pliajn reagojn: la enketo do daŭras, kaj se vi ne jam plenigis kaj resendis la enketilon, faru tion baldaŭ, mi petas. La detalajn rezultojn ni intencas aperigi en la venonta numero de IĴ, kiu aperos antaŭ la membrokunveno 1992.

### Ni renkontiĝos en Vieno

Dum la membrokunveno okaze de l' UK en Vieno ni devos precipe decidi pri nova statuto – se tio ŝajnos akceptebla; eble tamen estos konsilinde, fari prefere referendumon (kiel mi jam aludis en la antaŭa numero). Tamen, ĉar la statutpropono provokis nur tre malmultajn reagojn kaj neniun fundan kritikon, ŝajnas ke ĝi ĝenerale estas akceptebla kaj eble necesos nur malmultaj kaj malgrandaj ŝanĝoj. Do la estraro ĉiuokaze antaŭ la membrokunveno proponos definitivan tekston.

### Problemoj en la estraro

Mi ne volas prisilenti ankaŭ, ke en la funkciado de l' nova estraro ne forestas problemoj. Parte ilin kaŭzis la fakto, ke mi mem – estante ĉefredaktoro de MONATO ĝis fino de 1991 – ne havis la necesan tempon, por jam plene okupiĝi pri miaj taskoj kiel prezidanto kaj (provizora) redaktoro de IĴ. Tio nun pliboniĝis. Alia problemo estas, ke la estraranoj povas interkomunikadi praktike nur letere; povis okazi ĝis nun eĉ ne unu kunsido, eĉ ne kunveno de kelkaj estraranoj. Krome iuj el la malnovaj reelektitaj estraranoj tute ne kunlaboris ĝis nun.
Mi ĝojas, ke tamen alvenis pluraj interesaj leteroj, kiujn volonte ni publikigas sur ĉi tiu kaj la sekvaj paĝoj. Kaj denove mi kore invitas vin, ne nur skribi leterojn sed ankaŭ verki artikolojn por nia organo. Inter la deziroj esprimitaj sur la enketiloj elstaras tiu pri bona kaj leginda INTERNACIA ĴURNALISTO. Do ek – vi ja ĉiuj estas ĵurnalistoj, ĉu ne?
Stefan MAUL

# LETEROJ

Skribu al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
D-W-8900 Augsburg
FR Germanio

## SURPRIZO KAJ PLEZURO

***Krestju Karucin*, *Bulgario*, skribas pri la nova IĴ:**

Antaŭ kvar tagoj mi ricevis kun vera surprizo kaj granda plezuro la n-ron 1/1991 de Internacia Ĵurnalisto. Kun miro – ja mi dum 2-3 jaroj kutimis pensi, ke ĝi jam estas nur bonan memoro. Kun plezuro – ja la kajero estas lerte redaktita, riĉenhava, kun akceptinda eksteraĵo. Ĝi estas tia, kia mi ĉiam sopiris vidi ĝin. Mi firme kredas, ke la gazeto refreŝigita influos multon por puŝi la esperantan ĵurnalismon. Mi plenkore salutas!
Mi estas unu el la fondintoj de Bulgara TEĴA-sekcio (1956) kaj jardekojn laŭ miaj povoj helpis ĝian agadon kaj kunlaboris al IĴ. Se la rezultoj de miaj streboj ne ĉiam sufiĉis, eble la kulpo ne ĉiam estis mia. Mi jam estas homo ne juna, sed kun kompare bona sanstato kaj emo al agado. Mi volonte donos mian kontribuon por la ekvigligo de TEĴA-sekcio Bulgara. Mi jam telefone kontaktis kun s-ro Evgeni Georgiev; mi estas certa, ke en nelonga tempo estos bonaj informoj el Bulgario.
Via alvoko al TEĴA-anoj tre kaptas la koron. Mi kredas, ke multaj eĥos kaj mi dankas vian admonon! Rilate membrokotizon mi ne hvas imagon, ĉu 10 germanaj markoj por ekonomie fortaj landoj estas multe, sed por ni, en peza ekonomia stato por la momento tiu sumo estas tre granda. Mi proponas, ke estu du specoj de membrokotizo – firma por ekonomie fortaj landoj, kaj movebla – por landoj ekonomie malfortaj. Mi sendas mian aliĝilon kun signo por senkotiza membriĝo, sed mi tute ne deziras senkotizan membradon.

## ĜOJO PRI REVIVIĜO

**Pri la reviviĝo de TEĴA ĝojas eksestrarano *G. Nørgaard Jepsen, Danujo:***

Kun ĝojo kaj ankaŭ surprizo mi

ricevis Internacian Ĵurnaliston. Mi lernis Esperanton jam en 1936 kaj poste iomete kaj en periodoj multe okupis min la lingvo kaj mi praktikis ĝin diversmaniere. En la lastaj dudekkvin jaroj fakte tute ne.
Do por mi estas interese, ke post 25 jaroj en mia sepdektrijara kapo estas tiel multaj Esperanto-vortoj: mi fakte komprenis grandparte la artikolojn en via gazeto.
Mi nun ne plu estas en laboro. Mi retiris min en 1986 post 50 jaroj kiel ĵurnalisto kaj 40 jaroj je la sama gazeto. Via projekto havas mian intereson, ĉar mi dum kelkaj jaroj estis en la estraro de TEĴA kiel sekretario. D-ro Miltwurff estis prezidanto kaj en la estraro estis ankaŭ Thormodsen, Norvegio. Nia organizo tiam ne funkciis bone, kaj mi esperas pli bonan sukcescon por via iniciato.
Mi ne bone memoras, kiel ni laboris; mi ne memoras ion pri membrokotizoj. Ni ne havis membro-gazeton, sed mi havis liston kun nomoj de esperantlingvaj ĵurnalistoj, kaj ni laboris tiamaniere ke mi petis la membrojn skribi artikolojn, sendi ilin al mi, kaj la aliaj membroj do povis ricevi la artikolojn ĉe mi. Sed entute estis fiasko.
Pri miaj spertoj kiel esperanto-ĵurnalisto mi povas rakonti, ke mi iam vojaĝis en Nederlando por skribi pri subakvado kaj sukcesis kolekti sufiĉe da materialo, helpe de nederlandaj samideanoj. Mi ankaŭ iam skribis al E-delegitoj en 50 landoj kaj petis ilin sendi al mi tipan kristnask-salutan karton; mi ricevis multajn kaj la rezulto estis artikolo en mia gazeto kaj poste en multaj aliaj gazetoj pri salutkartoj el la tuta mondo kaj la informo, ke Esperanto estis la ŝlosilo por kolekti.

## PLIAJ TASKOJ

**Pri taskoj plenumendaj de TEĴA skribas *István Ertl, Hungario:***

En seminarioj aŭ alie eblus kaj indus ne nur verkigi, sed ankaŭ tradukigi homojn. Tio helpus levi la lingvan nivelon fakan. (Hu, se mi devus traduki pri bazpilk-matĉo aŭ pri ŝtataj ŝuldoj...!). La tiel estiĝanta materialo tamen utiligeblus, se ĝi estus
- prezento de iulandaj gazetaraj debatoj (kun komento);
- oficialaj tekstoj (proklamo de ŝtato ktp.);
- iu ajn kruda faktaro, kiun la tradukanto artikolige komentas; ktp.

La revuo diskonigu la artikolspecojn, kiuj normale aperas en gazetoj, ĉar multaj estas malkultivataj en E-revuoj (kritika raporto pri kultura evento; sportraporto; komento de tagaj eventoj; klaĉrubriko...).
Ĝi komparu diverslandajn praktikojn kaj konceptojn pri ĵurnalismado, por eble eĉ vidi, kiu plej bonas - kaj kiu taŭgas por ni esperantistoj.
TEĴA kunlaboru kun la Internacia Tradukreto de Paul Jamain (9 av. de Verdun, F-60200 Compiègne). Konkreta servo de esperantistoj al nacilingvaj ĵurnalistoj estus, se tiuj povus mendi materialon de TEĴA-ano pri dezirata temo, kiun surloka TEĴA-ano traduke publikigeblu por ili.
TEĴA eĉ povus servi (ĉu centralisma utopio?) kiel „deponejo" por gazet-verkaĵoj: ĉe TEĴA troveblus materialoj, kiujn iu redaktoro ne intencas uzi, sed alian interesus; necertaj verkantoj, precipe komencantoj bezonantaj konsilojn aŭ polurojn, povus rekte sendi tien pludonotajn verkojn. Do „informcentralo".

## INFORMA FAKO

***Mark Fettes* skribas:**

Aparte mi ŝatus ligi TEĴAn kun la Informa Fako de UEA, ĉar ni ege bezonas kompetentajn verkistojn kaj tradukistojn, kaj certe ĉiu esperantista ĵurnalisto foje verkas pri Esperanto.

## EKOLOGIO

**Pri la statut-propono (IĴ 1/91) skribas *W. Gunther, Germanio:***

Denove preterlasita okazo fundamentigi ekologie la propran laboron sur internacia nivelo kun internacia lingvo. Kaj la malnova kaj la nova, de vi proponita TEĴA-statuto estas plene antroprocentraj kaj neniel devigas la kolegojn ĵurnalistojn al biosferokonformeco. Ĉu denove indiko-signalo pri la fakto, ke tiu ĉi mondo perdiĝadas „hom"-etike altnivele, pace kaj demokratie? Ni vivas en periodo, kiam internaciaj, naciaj kaj subnaciaj konstitucioj, statutoj ktp. falas sub premo instali „nedifektitan medion" laŭ la kaŭzula kaj preventa principoj.
Ĝuste tiam, nun!, kreiĝas ĉe tutmonda asocio de spertuloj, kiuj devus scii pli bone, statuto kun preamblo kaj priskribo de celoj kaj taskoj plene malplenaj de iu aludo, ne paroli pri iu strikta fiksado, de ekologia sindevoligo. Ĉu denove Esperanto-organizaĵo, kiu metas sin mem inter la lastaj lokoj en la vico de medioadekvataj grupiĝoj? Aŭ ĉu vere, ke la plimulto de la internacilingva ĵurnalistaro ne interesiĝas pri biosfera adekvateco de sia laboro?
Ĉiukaze mi proponas:
1-e: Ŝanĝi la preamblon de via propono tiel, ke la frazo post „... evolulandoj ..." tekstas jene:
„..., cele al paca, demokrata, justa kaj biosferokonforma kunvivado de l' homaro laŭ la prinicpoj de la Universala Deklaracio de l' Homaj Rajtoj kaj de la medikoncernaj partoj de la internaciaj konvencioj kaj traktatoj (ekz. tiu de la Eŭropa Komunumo)."
2-e: Ŝanĝi la paragrafon „1. Celoj kaj taskoj" tiel, ke la subparagrafo 1.1 finiĝas jene:
„... plenumi siajn taskojn ene de la Esperanto-movado kun laŭeble plej efika evito de ĉiaj mediomalutiloj per aplikado de la preventa kaj kaŭzula principoj."
Mi donas jenan ekzemplon el la Eŭropa Komunumo:
La dua pargrafo de la Unuiĝa Eŭropa Akto (kiu estas suplemento de la EK-konvencio de 1957) tekstas:
„La laboro de la Komunumo sur la medioterenο sin direktas laŭ la principo preventi mediomalutilojn kaj kontraŭbatali ilin ĉe iliaj radikoj kaj laŭ la kaŭzula principo. La necesoj de la medioprotektado estas integra parto de la aliaj politikoj de la Komunumo."
Mi emas emfazi, ke ekologia fundamentigo estas absolute necesa, se TEĴA volas dekomence serioze agadi. Ne eblas kadre de senideologia, science bazita rezonado rekomendi la asocion, kontraŭe.
*Universala paco, socia justeco*

*kaj integra biosfero estas la tri piedoj de ĉiu demokrata seĝo, sen nur unu el ili ĝi ne funkcias!*

## EŬROPISMO

***Germain Pirlot, Belgio,* reage al la unua numero de IĴ skribas:**

Eble mi reaniĝos al TEĴA dum unu jaro, por vidi ĉu *Internacia Ĵurnalisto* iĝos aboninda. En via n-ro 1/91 multe plaĉis al mi la artikolo de Claude Piron pri la vorto „ĉefartikolo". Fakte tre malmultaj esperantistoj kapablas rezonadi supranacie kiel faras Piron, eĉ ne B. Golden sukcesas pensi tiel! Tian altnivelan gradon atingas Piron verŝajne pro la fakto, ke li scipovas ankaŭ neeŭropajn lingvojn, i. a. la ĉinan, kaj, sekve, li eliras la eŭropismon, kiu svarmas en Esperantujo.
Tian bedaŭrindaĵon mi trovis ankaŭ en via propono pri statuto (kiun mi ne legis). Mi ne komprenas, kial vi uzas la vorton „preamblo", kiam jam ekzistas „antaŭparolo" kaj „antaŭkonsidero", kiuj, laŭ mi, estas multe pli „esperantaj" ol tiu senutila neologismo! Ĉu estas sub la angla influo? Kion pensus pri tiu vorto aziaj esperantistoj? Ankaŭ pri ĝi mi ŝatus legi pripensojn de Piron.
Sukcesegon al TEĴA!

## SAMISDATO aŭ SAMIZDATO?

***Bernard Golden* komentas la vortformon „samisdato" uzitan en IĴ 1/91:**

En sia artikolo „Revolucioj kaj la rolo de la amas-komunikiloj" (INTERNACIA ĴURNALISTO 1/91, pĝ. 13-14), Stefan Maul, la redaktoro de IĴ, uzas la vortformon *samisdato* en jena kunteksto:
„Nekontentaj homoj kaj disidentoj iel sukcesas preskaŭ ĉiam kaŝe pretigi informilojn kaj gazetojn, kiujn en Sovetio oni nomas samisdato."
La ortografio *samisdato* kun *s* antaŭ la *d* estas nekutima kaj, cetere, erara. Antaŭ ol red. Maul surpaperigis sian artikolon, aliaj esperantistoj uzis la saman vorton sed literis ĝin *samizdato* kun *z* antaŭ la *d*.
Etimologie *samizdato* estas kunmetita rusa vorto, en kiu *sam* signifas „mem" kaj *izdat'* „eldoni, publikigi". Nur *z* en Esperanto estas la ĝusta transliterado de la 8a litero de la rusa kirila alfabeto.
En sia *Biblioteka Terminaro* (1989) Doug Portmann registras „samizdato" kiel alternativan terminon por la kapvorto „privata eldono" (pĝ. 122). Ankaŭ PEKOTEKO, la komputere kompilita vortaro de Rüdiger Eichholz, enhavas la vortformon „samizdato" (87/845). Fine, André Cherpillod en *Nepivaj Vortoj* (1988) notas la uzon de „samizdato" en la revuo *La Kancerkliniko* kaj en la *Japana-Esperanto Vortaro* de Miyamoto Masao, eldonita en 1982. Sekve, estas evidente, ke la formo „samizdato" jam enradikiĝis en Esperanto.
Mi proponas jenan gloson de la vorto:
„Metodo eldoni verkon en cirkonstancoj, kie ordinara eldonado estas oficiale reguligita aŭ malpermesita, per rekopiado, multobligado aŭ surbendigado (ĉefe por kantoj); verkoj estas konfiditaj al konatoj, kiuj ripetas la procedon kaj pludistribuas la tekstojn."

## PET-LETERO

**El Mongolio atingis nin jena petletero de *Ts. Batzaya:***

Mi jam raportis al mongolaj legantoj pri mondaj gazetoj kaj ĵurnaloj en Usono, Britio, Germanio, Italio, Japanio, Koreio, Nederlando, Belgio, Svislando kaj multaj aliaj. Sed mi fakte ne havas kontaktojn kun iu ajn redakcio de tiuj gazetoj. Mi estas 26jara ĵurnalisto, ankaŭ havas kuirartan specialecon. Mi volas studi en universitato de Germanio aŭ ie ajn en prestiĝa universitato. Sed mi ne scias, kiamaniere trovi vojaĝmonon por eksterlando. Bonvolu helpi min. Mi devos pagi al vi per io ajn. Mi lernas la germanan lingvon; ĉu vi povas sendi al mi vortarojn de Duden kaj de aliaj, ankaŭ vortarojn E-germanan kaj germanan-esperantan?
Mia adreso: Ts. Batzaya, P. O. Box 57, Ulaanbaatar 210646, Mongolio.

**Kiu sin ne movas,
tiu ne rimarkas
siajn katenojn.**

**AŬDACA PROJEKTO**

# Manlibro pri Politiko

**En 1992 probable povos aperi unua proveldono de Manlibro pri Politiko (MpP) - sendube aŭdaca projekto iniciatita de Stefan Maul, por kiu kunlaboras nur manpleno da aŭtoroj. La redakta teamo volonte akceptos pliajn kunlaborantojn.**

La ideo pri ĉi tiu manlibro estas frukto de l' spertoj, kiujn S. Maul kolektis kiel ĉefredaktoro de MONATO. Redaktante la revuon kaj prilaborante la manuskriptojn de aŭtoroj dise en la vasta mondo, li konstatis la mankon de speciala verko ĉi-tema: ofte la haveblaj vortaroj kaj terminaroj ne sufiĉas por trovi la plej bonan solvon, kiel priskribi politikajn kaj sociajn fenomenojn en la internacia lingvo.
Unue S. Maul pensis pri terminaro kun difinoj iom pli vastaj ol oni trovas ekz. en PIV; do li kompilis surbaze de PIV liston de eventualaj kap-vortoj bezonotaj en tia politika vortaro. Tiun ĉi liston li dissendis al eventualaj kunlaboremuloj kun modeloj de kelkaj ĉapitroj. En la diskutado montriĝis baldaŭ, ke simpla terminaro aŭ vortaro aŭ eĉ leksikono ne nur ne sufiĉos por kontentigi la bezonon, sed ke ĝi fakte ankaŭ maltrafus la celon kaj la celgrupon.
Tial do oni venis al la konkludo, ke multe pli kovena kaj taŭga formo estos tiu de *manlibro*, en kiu ja aperos la diversaj temoj listigitaj alfabete laŭ kapvortoj, sed - laŭ la bezono - jen kun detala priskribo de l' temo kaj multaj ekzemploj de lingvo-uzo, jen kun nura difino

kaj kelkaj modeloj kiel apliki la vorton, terminon kaj ties derivaĵojn.

**Politik-scienco**

La nun do eĉ pli aŭdaca projekto estas tiu de *baza politik-scienca verko* en praktika formo, kiu enhavu ĉiujn gravajn temojn, kiuj ludas rolon en ĝenerala politika vivo, de parlamenta demokratio ĝis ekologio. Ĉe bazaj terminoj kompreneble oni donas ne nur difinon sed ankaŭ – kiom necese – historian priskribon kaj traktas eventualajn variantojn ktp. Plej grave kaj utile por la posta uzonto: abunde estas indikataj ekzemploj de lingvo-uzo en kunteksto, tiel ke oni rapide ekkonas kiam kaj kiel apliki vortojn kaj terminojn. Efektive, tiel esperas la kompilantoj, la esperantistoj per MpP disponos pri elementa verko ĉi-tema, kiun ankaŭ povos uzi studentoj, ekz. en landoj triamondaj. Sed sendube plej vaste ĝi utilos al ĵurnalistoj kaj aŭtoroj verkantaj en la internacia lingvo pri temoj de ĝenerala politiko (kaj ĝi ja estas vere vasta kampo!).

**Labor-maniero**

La liston de kapvortoj, kiu ampleksas 14 paĝojn DIN A 4, trarigardis la kunlaboremuloj kaj elektis tiujn kapvortojn, kiujn la unuopa aŭtoro laŭ siaj fakaj scioj kaj spertoj emis kaj kapablis trakti. La redaktoro (S. Maul) komparis tiujn *personajn listojn* por eviti, ke diversaj aŭtoroj traktu la saman kapvorton; poste li konfirmis al la unuopaj verkontoj ties personajn listojn, kio samtempe do estis taskodono.
La poste alvenintajn tekstojn kompostas la redaktoro per komputilo, en kies memoro ili restas. Plurfoje li dissendis la jam kompostitajn ĉapitrojn al la kunlaborantoj kaj specialaj reviziantoj; en apartaj cirkuleroj oni diskutas la tekstojn tiel, ke ĉiu kunlaboranto rajtas sed ne devas komenti la tekstojn de aliaj. Laŭ tiuj reagoj la redaktoro prilaboras denove la tekstojn, se necese.

**Ekvivalentoj nacilingvaj**

La kapvortoj aperas en sia Esperanto-formo kun aldono de evkivalentoj en (ĝis nun) jenaj lingvoj: angla, franca, germana, hispana, nederlanda, portugala, rusa, ĉina kaj japana (ĉi tiuj tri lastaj en transskribo latinlitera). Ĉi tiujn ekvivalentojn liveras por sia propra lingvo kompreneble la koncerna aŭtoro, por aliaj la diversaj aŭtoroj aŭ specialaj kunlaborantoj, kiuj kunlaboras nur por havigi ekvivalentojn en certa lingvo. Planite sed ankoraŭ ne definitive decidite estas, ĉu aperos ankaŭ apartaj registroj en alfabeta ordo de ĉi tiuj nacilingvaj ekvivalentoj de l' kapvortoj.
La verkon krome kompletigos suplemento kun tre detalaj priskriboj de ĉiuj ŝtatoj de l' mondo.

**Problemoj**

Kompreneble en la ellaborado de MpP aperis diversaj – mirige tamen ne tro multaj – problemoj, kiuj fontas kaj en la afero mem kaj grandparte en la diversnaciaj lingvouzoj. Por doni simplan ekzemplon: la vorto *departemento* en diversaj lingvoj havas tute diferencajn signifojn kaj aplikojn; en iuj landoj ĝi egalas al *ministrejo*, en aliaj al parto de minstrejo aŭ al politika *provinco* aŭ *distrikto*. Kiel do difini kaj apliki ĝin en internacia lingvo por internacia publiko?
Alia problemo estas, ke iuj aŭtoroj liveras tre koncizajn tekstojn, dum aliaj vaste priskribas fenomenon kun ĉiuj eblaj facetoj. Kompreneble ankaŭ la diversaj stiloj de l' diversaj aŭtoroj donas problemon, precipe al la redaktoro, kiu devas strebi al laŭeble kongrua stilo de l' kompleta verko. Ankaŭ ĉe la nacilingvaj ekvivalentoj foje estiĝas problemoj, ĉu pro tio ke koncerna koncepto aŭ vorto ne adekvate ekzistas en iu lingvo, ĉu pro tio ke la difino en Esperanto devias de tiu de l' nacilingva ekvivalento.
Tute alia problemo estis, ke la redaktoro – pro sia laboro por la revuo MONATO – ne ĉiam disponis pri la necesa tempo, por fari sian parton de la tasko. Bonŝance nun, ekde 1992, li disponos pri pli multa tempo pro tio, ke li ne plu estas ĉefredaktoro de MONATO. Do oni povas esperi, ke nun la laboroj pri MpP konsiderinde progresos.

**Kiu emas kunlabori?**

La redaktoro de MpP povas imagi, ke estas ankoraŭ multaj esperantistoj, precipe ĵurnalistoj profesiaj kaj amatoraj, kiuj emus kunlabori por ĉi tiu projekto. Ne necesas, ke kunlaboranto nepre estu fakulo aŭ specialisto, sufiĉas ordinaraj scio kaj sperto pri la vivo ĝenerale kaj pri politikaj aferoj en plej vasta senco de la vorto, kaj – kompreneble – bona scio de l' internacia lingvo. Do ne hezitu, se eventuale interesas vin ĉi tiu projekto, anonci vian pretecon kunlabori, helpi en realigado de la planoj. Skribu rekte al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
D-W-8900 Augsburg
Germanio

**TEKSTOPRILABORO**

# Unuecaj kodaĵoj por inform-interŝanĝo

**Artikolo en BYTE (majo 1991, paĝo 36) malkaŝas, ke la plej granda obstaklo kontraŭ tutmonda elektronika inform-interŝanĝo probable baldaŭ estos venkita. Tiun obstaklon kaŭzas la malsameco de inter si ne kongruaj komputoroj, kaj la tro malgranda nombro da karaktroj, kiujn oni povas difini per 7 aŭ 8 bitoj de la du-aria (duuma) komputora maŝin-lingvo.**

Konsorcio de la plej grandaj komputoraj kompanioj anoncis interkonsenton: „Nova komputora kodo por konservado kaj sendado de teksto trans la tuta mondo." Tiu **Unikod-grupo** (*Unicode group*) komunikis, ke ĝia proponata normo – nuntempe en ĝia fina malneta formo – faciligos la verkadon de multlingva softvo (*software*) kaj simpligos internacian inform-interŝanĝon. Por klarigi al nekomputisto la gravecon de tiu informo, mi koncize raportas pri la evoluo de la ĝisnunaj normoj por inform-interŝanĝo: ►

## Nuna kodo: ASCII

Tiu-cele ĝis nun malbone sed universale servas ASCII (*American Standard Code for Information Interchange*), la Usona normo por inform-interŝanĝo, en kies baza 7-bita formo kun entute 127 karaktroj (= literoj, ciferoj kaj specialaj signoj) mankas literoj kun diakritaj signoj. Ĝia pli kapabla 8-bita versio ebligas la kreadon de entute 254 malsamaj karaktroj (vidu Akademiaj Studoj 1988-90, paĝo 366) kaj estas aplikata tutmonde en komputoroj kongruaj kun la PoCo-IBoMo (la Persona Komputoro de IBoMo).
La ok-bita versio havas la samajn kodaĵojn kiel la 7-bita por karaktroj 0-127 kaj krome kodaĵojn por 127 pliaj karaktroj. Oni elektis tiucele la specialajn literojn de kelkaj Okcident-Eŭropaj lingvoj (kiel ä, å, á, â, ß), malmultajn matematikajn simbolojn kaj „grafikajn karaktrojn", kiuj ebligas la desegnadon de en-tekstaj kadroj kaj de teksto-bazitaj ludoj. Ĉar la PoCo-IBoMo fariĝis la tutmonde plej disvastigita komputor-tipo, la unu-bajtaj aŭ ok-bitaj ASCII-kodaĵoj de la etendita karaktraro de IBoMo fariĝis la plej utila sistemo por kelklingva data-interŝanĝo. Ĝiaj 254 karaktroj tamen ne sufiĉis. Oni devis krei apartajn karaktrojn por lingvoj, en kiuj oni anstataŭigis nebezonatajn ASCII-karaktrojn per specialaj karaktroj de la koncerna lingvo. Tio ebligis tekstotraktadon en unu lingvo sed malfaciligis data-interŝanĝon inter la lingvoj, kies karaktroj ne komplete troviĝis en la etendita karaktraro de IBoMo.

Tial oni ellaboris plurbajtajn kodaĵojn por literoj, por kiuj ne estis troveblaj liberaj lokoj en la fakta normo. En la pli novaj versioj 5.0 kaj 5.1 de Vopo (*WordPerfect*) oni kreis 12 karaktrarojn kun teorie po 254 karaktroj, do por entute preskaŭ 1500 diversaj karaktroj, inter ili ankaŭ por Cirilaj, Grekaj, Hebreaj kaj Japanaj literoj, kaj - en la „multnacia karaktraro" - por Esperanto. Tamen tiu solvo ne estis kontentiga, ĉar kvankam Vopo estas tutmonde la plej progresinta kaj uzata tekstoprilabora programaro, oni uzas multajn aliajn tiajn programarojn, kaj se oni „eksportas" per Vopo 5.1 faritajn dosierojn al unu el tiuj aliaj formatoj, tiam ĉiuj literoj perdiĝaas, kiuj ne troviĝas en la etendita karaktraro de IBoMo. Aplikante makroojn (specialajn programetojn) antaŭ la „eksporto" oni povas ŝanĝi la specialajn Vopo-karaktrojn. al karaktro-kombinoj, kiuj ne troviĝas en la koncerna lingvo, kaj tiel malhelpi, ke tiuj karaktroj „perdiĝu", tamen tio estas ĝena procedo.

## Kunlaboro anstataŭ konkuro

Feliĉe Usonaj industriistoj nun ekkonis, ke anstataŭ konkuri estus dezirinde kunlabori kun industriistoj el aliaj landoj por komune ellabori normojn, kiuj aplikiĝu al ĉiuj estonte ellaborotaj aparataj kaj programaroj. Tio ebligus facilan interŝanĝon de informoj en ĉiuj lingvoj. La industriistoj tiel havus pli da ŝancoj vendi siajn novajn komputorojn, kiuj estas bezonataj por trakti kaj transsendi informojn en ĉiuj ekzistantaj lingvoj. Tial ili kreis tiun konsorcion.

## 65 000 karaktroj

Kiel ASCII ankaŭ **Unikodo** atribuas numeron al karaktro kaj provas trakti ĉiun hodiaŭ por presado uzata karaktron. La 16-bitaj Unikodaj kodaĵoj permesos 65000 karaktrojn, kiuj sufiĉos por ĉiuj gravaj vivantaj lingvoj inkludantaj ideografiaĵojn uzatajn en Japanio, Ĉinio, Tajvano kaj Koreio, kaj literojn Cirilajn, Hebreajn, Arabajn, Grekajn, Sanskritajn kaj multajn aliajn. La karaktraro enhavas ankaŭ matematikajn kaj teknikajn simbolojn, subindicojn kaj superindicojn, akcent-markilojn, reg-kodaĵojn (ekz-e por indiki linio-finon kaj linio-salton) kaj kodaĵojn, kiuj indikas la teksto-direkton (ekz-e de maldekstro dekstren aŭ inverse). Hodiaŭ la kompleta Unikod-karaktraro konsistas el 25 000 karaktroj, kio signifas, ke multaj liberaj spacoj ankoraŭ ekzistas.

**Ĉu ĉi tiu revuo ne plaĉas al vi? Tiuokaze diru al ni. Ĉu ĝi plaĉas al vi? Tion diru al aliaj!**

## „Universala lingvo"

La Unikod-programo tamen ne estas la sola, kiu klopodas difini „universalan lingvon" (tiel en la BYTE-artikolo) por komputoraj kodaĵoj. ISO (*International Standards Organziation*), la Internacia Normiga Organizo, dum jaroj laboris pri sia propra kelkbajta universala karaktraro. La proponita ISO-Normo 10646 aliras la unuecigadon laŭ alia vojo: Ĝi provas konservi kongruecon kun nun ekzistantaj naciaj kaj internaciaj karaktroj, kio kaŭzas, ke multaj karaktroj kelkfoje devas aperi en la universala karaktraro de ISO. En la ISO-metodo ĉiu karaktro en sia baza formo bezonas 32 bitojn aŭ 4 bajtojn, dum la Unikod-metodo bezonas nur 16 bitojn, do ĝi bezonas nur la duonan nombron da bitoj.
Laŭ mia opinio denove montriĝos, ke industriistoj kaj ne normiga institucio decidos, kiuj normoj establiĝos. Tiuj industriistoj nun opinias, ke personaj komputoroj fariĝis intertempe tiel kapablaj, ke ili pere de unu ampleksega karaktraro povus trakti unuece ĉiujn lingvojn, eĉ la malgrandajn. Tio ebligus egalrajtan interŝanĝon de informoj en ĉiuj lingvoj. La industriistoj ekkonis, ke tio donos al ili ŝancon por vendi siajn novajn aparatojn, kaj tial ili subtenas la enkondukon de komplete nova sistemo, en kiu estas troveblaj karaktro-lokoj por la literoj de ĉiuj lingvoj.

## Egalrajtaj lingvoj

Do, ĉar ĉifoje la multeco de lingvoj prezentas avantaĝon por komercistoj, ili subite decidis trakti ĉiujn lingvojn egalrajte kaj ne plu insistas pri la nura utiligo de la Angla. Ni povas ĝoji pri tio. Por precize prezenti la nunan situacion, mi komplete tradukis la lastan alineon de la BYTE-artikolo:

„La plej grava fakto, kiu povus helpi al Unikodo fariĝi tutmonde uzota normo, estas, ke subtenas ĝin la plej gravaj kompu-

toraj kompanioj de Usono. *Xerox* kaj *Apple* komencis la laboron en 1989. Ekde tiam aliĝis al la grupo reprezentantoj de *IBM, Microsoft* (kiu anoncis, ke ĝi subtenos Unikodon en ĝia „portebla" sistemo OS/2), *Sun Microsystems, Novell, Aldus, Metaphor, GO Corp.* kaj *Next.* Se tiuj ĉi kompanioj vere aplikos Unikodon en siaj sistemoj kaj softvoj, uzantoj de personaj komputoroj kaj de *Unix*-laborstacioj baldaŭ ŝarĝos siajn aparatojn per Unikodaj dosieroj anstataŭ per ASCII-aj."

Certe oni dum multaj jaroj uzos ankoraŭ la nunajn ASCII-kodon, kiu bone funkcias, se oni intencas trakti nur kelkajn Okcident-Eŭropajn lingvojn. Sed se oni antaŭvidas aliajn bezonojn, tiam oni nepre aĉetu komputoron, kiu kapablas trakti 16-bitajn kodaĵojn, do je 80386 aŭ 80386SX bazitajn komputorojn. Oni prognozis, ke tiuj aparatoj estos la plej vaste vendotaj aparatoj dum la 90-aj jaroj, kaj ke iliaj prezoj tial ankoraŭ konsiderinde falos. Bona prezo por 80386SX-bazita aparato laŭ anonco de Usona komputora revuo *PC Computing* nuntempe estas 1295 usonaj dolaroj. Temas pri ZEOS 386SX, kiu funkcias kun 16 megahercoj, havas 42 megabajtan durdiskon kaj 1,2 megabajtan drajvon por 5 1/4-colaj moldiskoj. Ĝi havas monokoloran (sukcenan) monitoron kun alta detalivo kaj Herkulesan karton. En aliaj landoj oni verŝajne postulos multe pli altan prezon, por tiuspeca aparato. Tial mi rekomendas, aĉetu novan aŭ pli kapablan komputoron nur, se ĝia prezo en via lando fariĝis kompareblA kun tiu ĉi anoncita. La nova normo grave influos, kiun printatoron oni aĉetu kaj kiun opkarean legatoron (*OCR-reader*) - do legatoron por optika karaktro-rekonado.

**Faciligo por terminara laboro**

Nian terminaran laboron tiu nova normo grave faciligos. La ĝisnunajn Pekoteko-registraĵojn ni sendube povos konverti al la nova normo, sed ne inverse, tial iom post ioma transiro al la nova normo ŝajnas al mi neevitebla.
Rüdiger EICHHOLZ

**IRLANDO**

# Gaele nur el Belfasto

**Ĵurnalistoj en Irlando devus honti, kiam temas pri la lingvo.**

Fakto estas, ke la solaj tagaj ĵurnaloj presitaj en irlanda (gaela) lingvo estas eldonataj, ne en la Respubliko, kie la gaela estas unua oficiala lingvo, sed en - Nord-Irlando, kie nur la angla estas oficiala.
Ĝis nun, nur anglaj, kaj semajnaj kaj monataj gaelaj gazetoj estis aĉeteblaj en Suda Irlando. Sed ne plu...
La nordirlanda taĝĵurnalo en gaela lingvo *Lá* (Tago) anoncis antaŭ nelonge, ke danke al nova distribu-reto, legantoj en Dublino povas aĉeti ĝin en la sama tago en kiu ĝi aperas en Belfasto.
GMA

**GERMANIO**

# Junularo malŝatas ĵurnalojn

**La germanaj ĵurnaloj perdas pli kaj pli multajn junajn legantojn, kio kaŭzas zorgojn al la eldonistoj.**

Dum la jarkunveno 1991 de la Federacia Ligo de germanaj Ĵurnal-Eldonistoj oni atentigis, ke krome la ĵurnaloj perdas abonantojn ankaŭ en la pli aĝaj generacioj; ili same kiel la junaj pli kaj pli multe preferas la elektronikajn komunikilojn, precipe televidon.
El esploroj pri la legantoj oni scias, ke multaj homoj nur en meza aĝo fariĝas ĵurnal-konsumantoj. Sed la perdojn ĉe la homoj malpli ol 20jaraj pli kaj pli malfacile oni povas ekvilibrigi ĉe la pli aĝaj homoj. Jam ĉiu dua izolulo (sole vivanta persono), sin mem deklarante malmulte interesita pri politiko, rezignas pri ĉiutaga legado de gazeto.
Neklara ankoraŭ estas la evoluo en eksa GDR; la 15 iamaj komunismaj kaj aliaj partiaj (ligitaj al la komunisma reĝimo) regionaj ĵurnaloj ĝis nun sukcesis rezisti al la forta konkurenco el okcidenta Germanio. Kontraste al ili tamen la tutlandaj ĵurnaloj de l' eksa GDR perdis preskaŭ 90 % de sia eldonkvanto. Interese, ke la ĵurnaloj en orienta Germanio estas multe pli ŝatataj ol en okcidenta, kie nur 68 % de la plenkreskuloj ĉiutage legas ĵurnalon; en orienta Germanio estas 82 % - ankoraŭ.
Stefan MAUL

**SOVETIO**

# La plej populara en la tuta mondo

**Usona revuo *Reader's Digest* [Riders Dajĝest] en aŭgusto 1991 ekparolis ankaŭ ruse. Do nun la gazeto aperadas en 16 lingvoj kun eldonkvanto de 28 milionoj da ekzempleroj - aŭ alie: ties 40 eldonaĵojn legadas 100 milionoj da homoj en multaj landoj de l' tuta mondo.**

La revuo, kiu iĝis simbolo de Usono same kiel Koka-Kolao, viandbuletoj de MacDonald's aŭ televid-serioj kiel *Dallas*, proponas al sovetiaj legantoj la saman harmonian miksaĵon de distraj, kuriozaj kaj ekkonaj materialoj, kio faris RD la plej populara en la tuta mondo eldonaĵo.
En rusa versio oni konservas la samajn rubrikojn kiel en aliaj: historioj pri dramoj de ĉiutaga vivo kaj pri kuraĝo montrita en eksterordinaraj cirkonstancoj; por vi kaj via familio; pri lastaj sukcesoj de medicino; tutmondaj eventoj kaj problemoj de via hejmo. Kaj ĉiam ankaŭ pli malpli granda peco de humuro.
Jen anekdoto, kiu aperis en la unua rusa numero: Dum 50jara jubileo de „ora geedziĝo" edzino ekvidis larmojn en okuloj de edzo. „Mi ne sciis, ke vi estas tiom sentimenta", diras ŝi. „Vi ne komprenis miajn larmojn," respondas li. „Ĉu vi memoras, kiam via patro kaptis nin en

**«РИДЕРЗ ДАЙДЖЕСТ»**
**ЗАГОВОРИЛ ПО-РУССКИ**

*Reklamo: „Reader's Digest ekparolis ruse.*

grenejo, li diris, ke se mi ne edziĝos al vi, li sendos min en malliberejon je 50 jaroj? Do, hodiaŭ mi jam estas libera..."

**Dujara provperiodo**

Dum dujara provperiodo ties eldonkvanto kresku de 50 ĝis 100 mil ekzempleroj. La estraro de l' kompanio dum du jaroj elspezis monon por zorgema merkat-analizo kaj nun firme opinias, ke la revuo havos sukceson en la lando. „Paroli" ruse la gazeton instruis sovetia eldonejo *Progress* (Progreso) kaj presas ĝin la plej moderna entrepreno „Ia Obrazcovaja (Modela) Tipografio". Ĉar oni tradukas ankaŭ reklampaĝojn en la rusan, oni devis aldoni tekston: „La produkto ne estas dediĉita por vendo en USSR" (ĉar, kompreneble, tiujn varojn oni ne ricevas en la lando). Nu, almenaŭ sovetianoj iom distros kaj amuzos sin, kio ankaŭ ne estas malbona afero dum ĉi tiuj malfacilaj tempoj.
NikSt

**REKLAMOJ**

## Ĉu ĵurnalo aŭ televido pli efika?

**Finfine kunlaboreto inter ĉiam virkate konkurantaj britaj gazetoj: Nacia Eldonisto-Asocio instigis komunan atakon kontraŭ komuna malamiko - televido. Celo de la kunlaboro: varbi reklamantojn for de la ekrano kaj revene al ĵurnaloj.**

Falis inter 1970 kaj 1990 la gazeta procentaĵo de nacia reklam-buĝeto de 19,5 ĝis 15,1; samtempe altiĝis televida procentaĵo de 22,6 ĝis 29,5.
Nacia Eldonisto-Asocio (National Publishers' Association, ligo de reprezentantoj de ĉiuj naciaj ĵurnaloj en Britio), konscia pri ĉiam pli mizeraj reklamo-enspezoj por sia membraro, atentigas, ke la pozitivaj efikoj de televida reklamado dum jaroj estas troigitaj. La asocio referencas al reserĉoj de psikologo, kiu kaŝe enmetis en televidilojn kameraon por registri, kiel reagas spektantoj dum televido-elsendoj, inkluzive de reklamoj. Ŝajnas, ke dum reklamopaŭzo malpleniĝas ĉambroj: ĝis 20 % de televidaj reklamoj prezentiĝas en vakuo.

**Problemo paradoksa**

Ĉu sukcesos la kvaronjara, sep milionpunda kampanjo de Nacia Eldonisto-Asocio, ankoraŭ ne direblas. Problemo paradoksa por organizantoj konsistas en tio, ke ĵurnaloj mem sin turnas al televida opozicio por reklamiĝi, ĉar multfoje pruvite estas, ke televid-reklamado ĵurnalojn vendigas.
Paŭlo GUBBINS

**ĈIUJARA:**

## Utila poŝkalendaro

**„Unu el la multaj bonaj ideoj de MONATO..." Tiel oni reklamas la poŝkalendaron LA JARO, kies 1992a eldono ĵus aperis.**

Kalendaroj en Esperanto ekzistas multaj kaj parte tre belaj kaj buntaj. LA JARO tamen estas alia: du libretoj en plasta koverto; en unu parto aperas la kalendaro mem, en la dua oni traktas multajn diversajn aferojn. La subtitolo de LA JARO estas *praktika poŝkalendaro de MONATO*. Kial ĝi estas praktika - kaj ĉu ĝi povas esti utila ankaŭ por vi kiel redaktoro, aŭtoro, verkanto?

**Unu paĝo por ĉiu semajno**

En la kalendara parto mem kompreneble la plej grava estas la aktuala kalendaro de l' koncerna jaro. Ĝi disponigas por fari notojn por ĉiu semajno tutan paĝon en formato DIN A 6. Krome en ĝi aperas la naciaj festotagoj de l' diversaj ŝtatoj. Kompletigas ĉi tiun parton klarigoj pri la diversaj kalendaraj sistemoj, sinoptikaj kalendaroj de la jaroj antaŭ kaj post la aktuala jaro kaj de ĉi tiu mem, menstrua kalendaro, 112-jara kalendaro kaj mondmapo kun la diversaj tempozonoj.
Krome en ĉi tiu aktuala parto aperas *Vortareto multlingva* kun ĉiujare aliaj tri naciaj lingvoj. Por la ĉiutaga uzo do oni povas preni nur ĉi tiun unuan parton de LA JARO; la libreton kun 88 paĝoj oni facile povas kunporti ĉien ajn.

**Utilaj informoj**

En la 2a parto sur 80 paĝoj abundas informoj el la plej diversaj kampoj, de pluraj alfabetoj ĝis la Fundamento de Esperanto. Por ĵurnalistoj aparte interesaj kaj gravaj estas ekz. la listo de landoj, geografiaj listoj, mezurunuoj, paperformatoj. La listo de la landoj de l' tero enhavas la plej gravajn informojn pri ĉiu unuopa lando (de ĉefurbo ĝis oficialaj lingvoj); kompletigas ĝin indikoj pri membreco en internaciaj organizaĵoj (kiuj kun mallongigoj aperas en Esperanto-formo komence de la listo) kaj mapoj.
Grava por ĵurnalisto sendube ankaŭ estas *literuma alfabeto* bezonata ofte ĉe telefonado. Abundas tabeloj el matematiko kaj fiziko, kaj por homoj konsciaj pri ĝusta nutrado aperas listo de ĵuloj/kalorioj kaj spicoj. Kompreneble oni ankaŭ trovas la internaciajn trafikŝildojn, maksimumajn rapidojn por aŭtoj en Eŭropo kaj ĉapitron pri *helpo unua*.
Spite al ĉi tiu abunda enhavo la poŝkalendaro estas mirige malmultekosta; en Germanio ekzemple oni pagas por ĝi nur 7 markojn. Nu, ĉu LA JARO ne vere estas bona ideo ankaŭ por vi?
sm

**REAGO**

## Misinterpretoj kaj eraroj pri Usono

**Iu StiNk provas analizi/recenzi raporton de la direktoro de C.O. de ELNA, aperintan en *Esperanto USA* n-ro 4/91. La nomita aŭtoro (ĉu NikSt?) en la artikolo en IĴ 1/91 faras kelkajn erarojn kaj interpretas nombrojn sen antaŭe kontroli ilian ĝustecon kaj validecon.**

Jam en la unua propozicio de „Plej popularaj Esperanto-gazetoj (en Usono)", la aŭtoro eraras menciante ke *Esperanto USA* (E-USA) estas dumonata. Fakte E-USA aperas 7 fojojn jare. Pro tio oni ne mencias ie en la koncerna novaĵletero la

monaton, en kiu certa numero aperas. De kie StiNk konkludis ke ĝi aperis en junio, restas mistero.
Poste li pridiskutas la nombrojn listigitajn sub „la 10 plej popularaj Esperantaj gazetoj por membroj de ELNA". Nu, en la raporto de Mike Donohoo (kaj sekve en la analizo de StiNk) enŝoviĝis grava eraro: temas pri abonoj peritaj de ELNA ĝis la komenco de junio, sendepende de la aboninto (kiu povas esti aŭ membro de ELNA, loĝanto de Usono aŭ alia lando). Ekzistas nenia rilato inter la nombroj de abonoj menciitaj en la koncerna raporto kaj la nombro de membroj de ELNA: ne ĉiu abonanto estas membro de ELNA, dum ne malofte okazas ke membroj de ELNA abonas E-gazetojn sen perado de ELNA.

**Diversaj periodoj**

Plie, por eviti konfuzojn, menciendas ke la nombroj por 1990 estis pri la koncerna kalendara jaro, dum la informoj por 1991 estis komence de junio de tiu ĉi jaro. Sekve, spekulativi „ke ĉiu el 1058 membroj de ELNA abonas almenaŭ po unu E-gazeton", estas senbaze. Malfeliĉe, la situacio estas malplibona: multaj membroj de ELNA abonas neniun E-periodaĵon [rim. de la red.: vidu pri tio ankaŭ la raporton el Anglio „Kiu kion legas..." en ĉi tiu numero], kaj - kiel mi jam menciis - abonoj al la listigitaj periodaĵoj estis ankaŭ por alilandanoj kaj institucioj (bibliotekoj, lernejoj k. s.).
Rilate al E-kluboj en Usono, ili nombras ĉirkaŭ 40 kaj eĉ se ĉiu abonus MONATOn, tio ne garantius ĝian ekziston. Fakte, laŭ mia scio, *neniu* E-klubo en Usono abonas MONATOn, aŭ almenaŭ ne pere de ELNA.

**Usonaj malfacilaĵoj**

StiNk faras alian eraron, rilatigante „superŝtatan" Usonon kun 116 abonantoj al MONATO. Tio estas sensencaĵo: ekzistas neniu rilato inter la grandeco de lando (ĉu aree aŭ loĝantare) kaj E-periodaĵo, kiu ajn tiu estus. StiNk ne komprenas ke la E-movado en Usono spertas malfacilaĵojn, ne facile kompreneblajn por - ni diru - eŭropano: la lando estas grandega kaj izolita (kaj geografie kaj politike). Malgraŭ la fakto, ke en Usonon enmigras homoj el la tuta mondo (mi mem estas unu inter ili), la lingva problemo ne havas la samajn trajtojn kiel en Eŭropo (aŭ alia loko en la mondo).
Sekve, la loĝantoj de Usono ne sentas (aŭ pli precize: ne konscias) la bezonon de internacia lingvo. Plie, en Kanado - unu el la najbaroj de Usono - oni parolas la anglan, kaj ankaŭ en Meksiko - la alia najbaro de Usono - tiu lingvo ne estas tute fremda. En tiaj kondiĉoj, la tipa usonano ne konscias pri la lingvaj problemoj, kaj al tio kontribuas ankaŭ la edukiteco (ankaŭ tipe usona). Kaj tio portas min al alia ideo de StiNk: Abonado al MONATO de bibliotekoj en Usono. Pensu, ke en lando kun pli ol 250 milionoj da loĝantoj estas malpli ol 2000 esperantistoj (pri kies lingvokapablo ni ne insistu). Kaj el ili, iom pli ol cent abonas MONATOn. Ĉu tio ne diras ion pri la intereso al Esperanto kaj rilataj legaĵoj en la nuntempa Usono?

**Neniam vidis**

En la dua parto de sia artikolo, StiNk mencias la kreskon de la eldonkvanto de E-USA, kiu cetere duobliĝis fine de la jaroj '80, tutcerte sen ia ajn rilato kun la artikolo de NikSt (StiNk?). Ĝis hodiaŭ, cetere, mi vidis nenian anglalingvan version de la artikolo „Esperanto kaj E-movado en Sovetunio" (eĉ ne en manuskripto), kaj tio spite la fakton, ke pro mia laboro mi havas la okazon (kaj devon) informiĝi pri ĉiu mencio de Esperanto en la (precipe) usonaj amaskomunikiloj. Povas esti ke la respektiva artikolo aperis en iuj tre sekretaj eldonaĵoj, same sekretaj kiel la kunsido de la estraro de UEA, menciita fine de la artikolo de StiNk.

**Preskoboldo**

Certe, la artikolo de NikSt ne aperis en *ELNA Updotae*, ĉar tia eldonaĵo ne ekzistas. Ekzistas ja *ELNA Update*, anglalingva bulteno, kiu aperas 4 fojojn jare en 4000 - 5000 ekzempleroj kaj kiu havas grandan valoron en la informado de usonanoj pri lingvaj problemoj kaj Esperanto kiel ebla solvo.
Konklude, mi invitas tiun StiNk-on, kiu ajn li estas, antaŭ ol aperigi pensojn, supozojn, onidirojn, kontroli ilian validecon. Kaj tio laŭ la punkto 2a de la Etika kodo de ĵurnalismaj principoj, aperinta en la sama IJ (en kiu cetere abundas koboldoj - samkiel en mia letero. Pardonu ilin!). Espereble nun StiNk komprenas la sintenon de la redaktoro de E-USA rilate al la artikolo „Esperanto kaj Esperanto-Movado en Sovetunio": „Opinioj esprimitaj de s-ano Stepanov pri organizoj kaj unuopuloj kompreneble estas propraj al li, kaj pri ilia valideco via redaktoro ne kompetentas juĝi."
Ionel ONET

**Komentoj de S. Maul:**
1. StiNk = NikSt
2. Mi, kiel redaktoro de IĴ, ne povis supozi, ke artikolo referanta la enhavon de artikolo en E-gazeto, povas misinterpreti tiun enhavon. Ke en ĝi mem enŝoviĝis eraro, certe ne estas la kulpo de StiNk (ĉiu el ni fidus same). Sed mi demandas: se eĉ esperant-lingvajn, originalajn artikolojn el kaj pri alia lando oni povas tiom erare interpreti, ĉu tia cerarebleco ne estas multoble pli granda, kiam temas pri nacilingvaj artikoloj? Jen, kial por MONATO mi starigis la principon, ke nur loĝanto de l' koncerna lando verku pri tiu lando, kaj ne eksterlandano, kiu neniam komplete povas scii kaj kompreni la situacion en alia lando.
3. Ĉu ne ĝuste en fakorgano de ĵurnalistoj la preskoboldo devas havi siajn rajtojn? Ja ĉie en la mondo ĝi estas la plej fidela kaj konstanta kunlaboranto... Mi memoras, ke foje ĵurnalo - post plendoj de multaj legantoj pri kompost-eraroj - informis la abonantojn, ke oni tute ne intencas forigi tiujn erarojn, ĉar ili ja ankaŭ amuzas! En nia speciala kazo mi devas atentigi vin, ke - almenaŭ nun - mi ne havas eblecon reviziigi la de mi mem kompostitajn tekstojn. Krome mi proponos al la venonta membrokunveno, ke ni nomumu la *preskobolbon* „eksterordinara membro" de TEĴA.

ESPERANTOREVUOJ

# Kiu kion legas – aŭ: abomenaj abonoj

**Kaptis mian atenton la raporto en IĴ 1/91 pri plej popularaj Esperanto-gazetoj en Usono (p. 11). Paralelan - tamen sendependan - esploron mi kompletigis dum printempo 1991 en Britio. Temis pri esploro malpli ampleksa ol tiu de Esperanto-Ligo por Norda Ameriko (ELNA), tamen komparebla kaj, de pluraj vidpunktoj, lumiga.**

Riceviĝis 61 respondoj al demandaro sendita al esperantistoj en nord-okcidenta regiono de Anglio. Unu el la demandoj koncernis Esperanto-revuojn: bv. listigi ĉiujn de vi abonitajn E-revuojn.

Plej populara en mia esploro montriĝis *La Brita Esperantisto* (32 abonoj), organo de la Esperanto-Asocio de Britujo. Sekvis tiam - kp. la ELNA-trovitaĵojn - *Esperanto* (16), *Monato* (9), kaj tiam *Kristana Alvoko* (6), *Juna Amiko* (5), *Esperanto Teacher*, *Heroldo*, *El Popola Ĉinio* kaj *Worker Esperantist* (po 4), *Dia Regno* kaj *Sennaciulo* (po 3), *Kancerkliniko*, *Fonto* kaj *Bulgara Esperantisto* (po 2), kaj *Verda Lupeo*, *Esperanto en Skotlando*, *Enigmo*, *Espero*, *Levilkarto* (de movado sen nomo), *Internacia Pedagogia Revuo* kaj *Ligilo* (po 1)

**15 % tute ne abonas**

Plene malkontentiga statistiko eliĝis tamen el la demandaro: el 61 respondintoj rivelis sep, ke ili neniam, kaj tri nur malofte abonas Esperanto-revuojn. Alivorte, ĉ. 15 % de respondintoj - pro kaŭzoj nedonitaj - nek finance, nek morale subtenas tiun ĉi ja gravan flankon de E-agado ... kaj temas pri homoj, kiuj sufiĉe interesiĝas pri la movado por resendi demandaron.
Ni esperu, ke la kvardeko, kiu ne revenigis la demandaron, estas pli leg- kaj abonema - ke oni ne respondis, estante tro okupita per fervora legado de amaso de abonitaj revuoj. Jes, ni esperu...
Paŭlo GUBBINS

ELDONADO

# E-Vento - nova revuo el Hungario

**Laŭ hungaraj planoj ekde 1992 aperos tute novtipa internacia Esperanto-revuo kun dusemajna aper-ritmo.**

Kiel informas *Szilvási László* nome de l' eldonejo LINGVO, oni volas eldoni ĝin kunlabore kun Kultura Esperanto-Asocio en Budapeŝto. Li klarigas la celon de la nova revuo jene:
„Kiel aktiva aganto de nia Esperanta komunumo, verŝajne ankaŭ vi spertas, ke pro teknikaj, financaj, transpagaj ktp. problemoj oni ne abonas ĉiujn E-revuojn, kio ja rezultas, ke multaj valoraj informoj, interesaj artikoloj ne atingas la individuajn Esperantistojn. Por nia planata revuo ni volas ĉerpi ĉefe el la jam ekzistanta E-lingva gazetaro."
Tial nun la eldonejo petas de la diversaj E-revuoj konsenton represi artikolojn. „Estas evidente, ke en tiuj kazoj ni mencios la fonton, la titolon de la revuo, kio ja povas iom kontribui al plua konatigo kaj plufamigo de la periodaĵo. Kompreneble ni publikigos ankaŭ originalajn artikolojn, kiuj ja staros ankaŭ je via dispono. Ni planas aperigi ĉefe primovadajn kaj movadorganizajn artikolojn, sed kompreneble ni antaŭvidas ankaŭ kulturajn, recenzajn kaj distrajn rubrikojn. Mi emfazas, ke ni volas fari gazeton ne por hungaroj, sed por la internacia esperantistaro."
Provizora titolo de la eldonaĵo estas: *Eventoj (E-ventoj)*; formato DIN A 4, starta eldonkvanto ĉ. 3000 ekzempleroj. La eldonejo komentas: „Kiel montris la sperto de Budapeŝta Informilo en 1990, la regula 2-semajna aperado certe ne estos simpla afero, sed jes ni konscias pri la malfacilaĵoj, kaj sentas sufiĉe da energio por venki ilin. Ni esperas, ke per nia fortostreĉo ni povos iom kontribui al la informfluo de nia komunumo. En la revuo i. a. ni volas prezenti ian trarigardon pri Esperantaj revuoj."
La koncepto prezentita ŝajnas esti iaspeca kopio de *Reader's Digest*. La demando estos, ĉu por tiaspeca revuo ekzistos la bezonata klientaro; tio sendube dependos ankaŭ de la prezo, pri kiu la eldonejo ne donas indikojn.
Adreso: LINGVO Szolgáltató Iroda, poŝtfako 87, H-1675 Budapest, tel. 1288-258.



RUSLANDO

# Denove aperas *La Ondo*

**Oni devis atendi pli ol 73 jarojn ĝis kiam, post longaj suferoj kaj prokrastoj, en Ruslando denove ekaperis sendependa revuo en Esperanto.**

Temas pri dumonata soci-kultura revuo *La Ondo*, kies unuan numeron (n-ro 1/1991) oni finfine aperigis en urala ĉefurbo Sverdlovsko meze de majo 1991. Ne nur la titolo de la nova revuo memorigas pri la glora tempo de iama (1909 - 1917) mondfama ruslanda revuo *La Ondo de Esperanto*, kiu tiutempe faris grandan kontribuon al internacia E-vivo kaj -kulturo. La bravaj eldonistoj intencas raporti en Esperanto al internacia legantaro pri socipolitikaj ŝanĝoj en Ruslando, Sovetunio kaj orienta Eŭropo.

**Lingvonaciaj problemoj**

Oni planas speciale atenti la lingvonaciajn problemojn en USSR (Baltio, Kaŭkazo, Mez-Azio k. a.) kaj aperigi aliajn materialojn pri vivo en la vastega lando, precipe en ties „varmegaj regionoj". Aliflanke oni planas analizi kulturajn, sociajn kaj lingvajn aspektojn de evoluo de Esperanto, E-movado, E-kulturo kaj literaturo. Beletron (originalan kaj tradukitan), recenzojn kaj eseojn, prilingvajn artikolojn - ĉion ĉi trovos legantoj sur paĝoj de la revuo.
Multan spacon oni dediĉos al historio de E-movado en iama

Rusa Imperio kaj Sovetunio. Samtempe oni planas krei vastajn internaciajn ligojn kun diversaj anguloj de tuta Esperantujo: ja ne vane oni deklaris ties prezon ne nur en rubloj (10 SUR), sed ankaŭ en aliaj valutoj (19 ndl. guld., 12 usonaj dolaroj aŭ egalvaloro) kaj aperigis liston de reprezentantoj de *La Ondo* en dudeko de diversaj landoj, inter ili UEA en Roterdamo kaj FEL en Antverpeno.

### Granda prokrasto

La unua numero de la revuo estas modesta komenco, des pli ke ĝi estis preparita por presejo jam en majo 1990 - kaj kelkaj materialoj iom malaktualiĝis. Tamen „la redakcio decidis aperigi senŝanĝe ĉiujn materialojn".

La revuon malfermas „Politika testamento de Andrej Saĥarov", kiu tute ne malaktualiĝis, ĉar ĝis nun en la lando „la partiokratio estas ĉefa baro sur la vojo de evoluo de la demokratio", des pli ke nome en majo 1991 okazis 70jara datreveno de la Granda Civitano, simbolo de la honesteco kaj ekzemplo de vera homdigno (li mortis la 14an de decembro 1989). Interesa, tamen iom malaktuala, estas revuo „Esperanto en Sovetunio: 1989" de *H. Gorecka*, kiu daŭrigas tradicion de *La Ondo de Esperanto* aperigi ĉiujarajn revuojn de la ruslanda E-movado.

La plej granda parto de la revuo (9 paĝoj) estas dediĉita al scienc-fikcia novelo de *Miĥail Korotkov* „Homo, kiu mortigis", kiu plaĉis al mi plej multe. La tria plej granda materialo de la revuo estas prilingvistika artikolo de *Boris Kolker* „Formiĝo kaj riĉigiĝo de la esperanta leksiko", kiu estos daŭrigata en sekvaj kajeroj. En sia kritika recenzo *A. Zagvazdin* furiozetas pri novelaro de *Julian Modest* „Mistera Lumo" (1987). Poemoj de *Viktor Ĉaldajev*, traduko de klasika noveleto de *Anton Ĉeĥov* „Ĝojo", rubrikoj „Antaŭ 80 jaroj", „Mozaiko" kaj nekrologo de mondfama sovetia lingvisto, pioniro de estonia E-movado kaj akademiano *Paul Ariste* (1905 - 1990) trafe kompletigas enhavon de la revuo.

Certe, simile al naskiĝo de infano, oni nenion povas diri pri estonteco de la nova kreaĵo. Oni povas nur revi kaj esperi, por ke ĝi kresku bona, forta, bela kaj sana. Kaj por tio oni devas multe investi: fortojn, monon, tempon kaj - ne laste - amon. Ni esperu kaj helpu, ke la bonaj revoj nepre realiĝu. Multajn kaj grandajn sukcesojn!

NikSt

**BALTIO**

## Reaperis *Litova Stelo*

**Post 50jara paŭzo Litova Esperanto-Asocio denove aperigis revuon *Litova stelo*. Ĝia unua numero de 1991 estas la 77a.**

*Litova stelo* unuan fojon aperis en 1914 en latva urbo Liepaja. Tamen unua mondmilito malhelpis ĝian pluan eldonadon. Nur en 1922 la revuo reviviĝis en urbo Kaunas kaj vivis ĝis tragedia por Litovio jaro 1940. Kaj jen, post 50jara paŭzo, denove oni legas *Litovan stelon*.

Celo de renaskiĝinta revuo ne limiĝas nur je movadaj aferoj. Ĝia redakcio strebas por internacia legantaro speguli plej amplekŝan bildon de litovaj kulturo, historio, nuntempa vivo ktp. En unua numero oni legas pri ekzilado de litovanoj kaj postmilita rezistado. Aperas ankaŭ artikoloj pri situacio de katolika eklezio en Litovio, unika kuriozaĵo *Monto de Krucoj*, litova beletro, originala verkado, esperantologio.

La Redakcio esperas, ke *Litova stelo* estos leginda periodaĵo por vasta internacia esperantistaro, de kies opinio multe dependos enhavo de estontaj numeroj.

LAST

1 1991
LITOVA STELO
LIETUVOS ŽVAIGŽDĖ



En la kajero:

Ni estas!
Monto de Krucoj
Homo kun velura vizaĝo
Kiel estiĝis dezertoj
Al hipokrita poeto

Ŝtata blazono de Litova Respubliko

**RADIOFONIO**

## Jubileo de Radio Esperanto Parizo

**La 1an de oktobro 1981 komenciĝis la elsendoj de Radio Esperanto en Parizo - do nun oni povis festi la dekjaran jubileon.**

Ni tuj notu, ke oni povas aŭskulti tiun radion nur en la pariza regiono (89,4 MHz). Ĝi estas libera, sed loka *Radio-Libertaire*, en kies kadro elsendas la Esperanto-Radio. De dek jaroj, ĉiuvendrede, seninterrompe, de la 18a ĝis la 19a horo ĝi proponas al la aŭskultantoj: informojn, komentojn kaj intervjuojn. Fidele (preskaŭ) ĉiuj esperantistoj en la pariza regiono aŭskultas ĝin.

En si mem dekjariĝo ne estas evento. Ĝi estas nur etapo. Sed por festi digne tiun „ne-eventon", la 4an de oktobro 1991 la skipo de Radio Esperanto decidis inviti multajn amikojn dum ne-ordinara horaro, inter la 18a kaj la 20a 30. Pluraj invititoj ne povis veni, sed sendis mesaĝon aŭ kasedon, kaj dudekok venis. Kompreneble dum du horoj kaj duono, ĉiu povis alparoli la aŭskultantojn nur dum kelkaj minutoj. Danke al tiu granda varieteo, ni povis aŭdi la voĉojn de membroj de ĉiu esperantista asocio, de multaj lokaj grupoj, de poetoj, verkistoj kaj de simplaj esperantistoj.

Laŭaspekte ĉiuj estis kontentaj kaj deziris reveni por la dudekjariĝo!

### Plendo pri E-revuoj

Ni daŭre klopodos por ke Radio Esperanto (145, rue Amelot, F-75011 Paris) estu konstante unu el la ligiloj kaj propagan-

diloj de la parizregiona esperantistaro. Kaj ni daŭre ne komprenas kial (malgraŭ niaj petoj) kelkaj E-revuoj obstinas ne aludi pri la vivo de Radio Esperanto. Feliĉe kelkaj inter la plej gravaj (kiel *Heroldo, Monato, Sennaciulo*) regule inkluzivas la programon de Radio Esperanto en la priradiaj artikoloj.
La skipo de Radio Esperanto

VIDBENDOJ

## En ĉiuj televidaj sistemoj

**Ĉu vi volas pluklerigi vin aŭ aliajn? Ĉu vi serĉas unikan materialon? Ĉu vi bezonas ion interesan kaj valoran por seminario aŭ klubvespero? Jen, Aŭdvida Centro de Sarlanda Esperanto-Ligo (SEL) estas je via dispono.**

Jam tre impona estas la listo de vidbendaj kasetoj de ĉi tiu aŭdvida centro, gvidata de Günther BECKER [Ginter Bekr]: prelegoj de konataj kaj famaj esperantistoj, raportoj pri konferencoj kaj kongresoj, vojaĝraportoj.
Sed plej grave: la diversaj televid-sistemoj ne estas problemo por la aŭdvida centro de SEL. Becker: „Kion ni jam antaŭanoncis, nun realiĝis: ekde la 22a de aprilo 1991 ni povas liveri ĉiujn programojn en ĉiuj televidaj kaj koloraj sistemoj de la mondo: PAL, PAL-N, PAL-M, SECAM, MESECAM, NTSC. Vidbendojn en SECAM kaj MESECAM aldone al PAL ni jam liveris de kelkaj jaroj. Nun ni sendas speciale multajn bendojn al Japanio kaj Koreio, kelkajn al Usono kaj Kanado, kion koncernas NTSC. Per la nova aparato ni ankaŭ jam laboris por neesperantistoj."
En la centro oni havas ne nur pretajn filmojn, sed ankaŭ mem muntas. Becker: „Duan fojon ni povis helpi sinjoron Joachim Werdin munti la ĉi-jarajn filmojn por unu vidbendo 1991: UK Bergeno, TEJO-kongreso Karlskogo, turismaj filmoj pri Katmanduo (Nepalo), Bangkoko, Hongkongo, Tajvano. Daŭro 3 horoj, prezo 60 germanaj markoj. Ni subtenu nian junan amikon, nun ankaŭ vidinte lian laboron. En la venonta vidbendo 1992 estas antaŭvidota la dua parto de esplorvojaĝo tra Azio."

Adreso de l' Aŭdvida Centro de SEL:
Günther Becker
Alter Hangarten 2
D-W-6653 Blieskastel
Germanio

KANADO

## Telefon-gazeto

**De la 2a de oktobro de 1989 jam funkcias telefona Esperanto-gazeto en Kanado: *La Papago*.**

Ĝi estas ĉiutaga kaj daŭras inter kvin kaj dekkvin minutojn. Prizorgas ĝin Patriko Monĵa en Montrealo. Montrealanoj povas aŭskulti ĝin senpage - sed kompreneble ĝi ja aŭdeblas ĉie en la mondo por tiuj, kiujn ne timigas la telefonkosto...
Kiu telefonas, tiu aŭskultas, sed povas ankaŭ poste paroli. Ties parolado iĝas artikolo la morgaŭon, ĉar la papago ĝin ripetas, per simpla kopio de kaseto al alia de la telefonrespondilo, kiu ebligas tiun ĉi servon.
Ĉirkaŭ dekkvin esperantistoj telefonas al ĝi ĉiutage. Jen bona komenco por gazeto ankoraŭ konata eĉ ne de ĉiuj esperantistoj en Montrealo. Kelkaj jam regule vokas el Otavo (Kanado) kaj Usono. Ĝis meze de 1991 tridektri diversaj personoj kontribuis, kaj tridek pliaj estis intervjuitaj de la papago (kromnomo de Patriko) aŭ de kunlaboranto. Sana Metz, ekzemple, faris multajn intervjuon dum la UK en Kubo, kiujn poste ĝuis la Montrealanoj.

**Plej diversaj temoj**

La temoj traktataj estas tre diversaj, laŭ la plaĉo de l' kontribuantoj. Ofte temas pri politiko kaj Esperanto-aferoj. Aperas ankaŭ spritaĵoj, eseoj, informoj, rakontoj, poemoj, kantoj ktp.
*La Papago* celas rapide, malmultekoste kaj moderne informi pri Esperanto-okazaĵoj en Montrealo, kaj plioftigi uzon kaj praktikon de la internacia lingvo, kaj aŭdan kaj parolan.
Mankis en regiono de Montrealo okazoj uzi la lingvon kaj praktiki ĝin. Moderna vivo estas tia, ke homoj ne plu pretas veturi. Esperanto-gazetoj estas maloftaj. Televido kaj radio estas tro multekostaj por Esperanto-elsendoj. Telefono do estas interesa solvo. Ĝi estas malmultekosta, ĝi povas esti ofta, ĝi estas moderna komunikilo ŝatata de homoj, al kiuj mankas tempo. Cetere, male al televido aŭ radio, la aŭskultantoj povas reagi, kontribui, ne nur pasive aŭskulti. Alia avantaĝo estas, ke la aŭskultanto povas telefoni iam ajn, ĉu tage, ĉu nokte.
Por aŭskulti *La Papagon*, simple telefonu +1 514 270 0054. Ĉe la fino diru vian nomon kaj - se vi deziras - ankaŭ artikolon por la morgaŭo. La aparato limigas la daŭron de kontribuo je tri minutoj. Eblas kontribui sen aŭskulti la tutan programon, post premo de * sur klavtelefono. Tio ebligas interalie daŭrigon de kontribuo post tri minutoj, per retelefonado.

Detalajn informojn pri *La Papago* vi povas ricevi de
Patriko Monĵa
1491, av. de Gaspé
Montréal, Québec
Kanado H2R 2A3
tel. +1 514 270 8856

# LINGVO

**PROBLEMOJ**
**DEMANDOJ**
**KONSILOJ**

---

## LIBROSERVO

**Johann PACHTER skribas:**

**Mi havas problemon kun la signifo de la germana vorto „Bücherdienst" kaj same kun la traduko en Esperanto „libroservo". Kial? Multaj homoj, inter ili ankaŭ geesperantistoj, opinias ke tiu vorto signifas - librovendadon. Sed en mia senco de la vorto, libroservo signifas vastan servon ligitan al libroj, do: ne nur vendado, sed prezentado de libroj kaj ankaŭ aliaj esperantaĵoj kiel revuoj aŭ**

magazinoj (ekz. MONATO) dum diversaj aranĝoj.
Alia tre grava parto de la signifo de la vorto *libroservo* estas Esperanto-bibliotekoj. Mi fondis la ESPERANTO-BIBLIOTHEK BADEN-WÜRTTEMBERG kaj refondis tiun de Munkeno. Ĉu mi eraras?

## PRESO = GAZETARO?

**Okaze oni renkontas la vorton *preso* en la senco de gazetaro. Ĉu akcepti ĉi tiun sencon?**

Mi mem konstatis ke oni trovas ĝin ofte en tekstoj de sovetiaj esperantistoj, kiuj parolas ekzemple pri la *presorgano* de sindikato k. s. En okcidentaj Esperanto-tekstoj ĝis nun aŭ tute ne aŭ nur tre malofte mi renkontis ĝin. Eble tio estas sekvo de plurjardeka izoliteco de l' Esperanto-movado en Sovetio; mi rimarkis ankaŭ aliajn por mi kiel okcidenta Esperanto-uzanto foje nekutimajn formojn en sovetiaj tekstoj. Ĉu do en la mikrokosma sovetia movado oni evoluigis propran varianton de Esperanto?
Kiel ajn, la demando estas ĉu la vorto *preso* en la aludita senco estas bezonata, necesa kaj utila aŭ superflua, rifuzenda. Fakte ja en naciaj lingvoj la koncerna ekvivalento estas uzata (the Press en la angla, presse en la franca aŭ Presse en la germana) por priskribi gazetaron, amaskomunikilojn, ĵurnalistaron. En Pekoteko oni registris ĝin kun jena klarigo: „Gazetoj, revuoj, aliaj periodaĵoj, pamfletoj kune." kaj rimarko ke „gazetaro" rilatas nur al (grava) parto de preso.
Nu, historie oni povas obĵeti, ke origine la unuaj komunikiloj ja estis nur presitaj kaj ke do por priskribi ilin oni prave povis uzi la vorton derivitan de *presi*. Poste aldoniĝis radiofonio kaj televido, por kiuj ankaŭ laboris *ĵurnalistoj*, kvankam ankaŭ *ĵurnalo* ja estas presita komunikilo. Pro konfortemo oni simple aplikis la vorton *preso* ankaŭ por tiuj novaj komunikiloj, tiel ke ĝi en naciaj lingvoj kutime estas sinonimo de ĵurnalistaro kaj la tuta tiurilata afero.
Zamenhof kaj la unuaj esperantistoj evidente ne adoptis la vorton *preso* en ĉi tiu senco, sed uzis la vorton *gazetaro*. PIV registras ankaŭ „gazetisto = ĵurnalisto" kaj „gazetara servo". La nura ekzemplo, kiu eble jam montras direkton al la supre menciita uzo, troviĝas en PIV ĉe la derivaĵo *presa:* oni registras kiel ekzemplon de K. Bein *presa sciigo*. En la terminareto de *Manlibro pri Ĵurnalismo* oni avertas fine de la teksto de l' kapvorto *gazetaro*: „Atentu, ke la internacie uzata termino *preso* en Esperanto ne taŭgas por gazetaro kaj amaskomunikiloj."

**Avantaĝoj**

Sufiĉa konfuzo do: *ĵurnalisto, gazetaro, komunikiloj, preso* (por ne paroli ankaŭ pri *amasmedioj*!). Sendube la konsekvenca apliko de *gazetaro* donas foje „pezan" stilon: gazetara komuniko, gazetara servo, gazetar-konferenco, gazetara aferŝarĝito, gazetara proparolisto. Se por la samaj nocioj oni uzas la vorton *preso*, ni do havus respektive: pres-komuniko, presoservo, preskonferenco, pres-aferŝarĝito, pres(pro)parolisto...
Tamen: ĉu estas vera aŭ nur ŝajna avantaĝo? Se en naciaj lingvoj oni ne uzus la vorton *preso*, neniu parolus pri malavantaĝo rilate al *gazetaro*. Aliflanke, la formon *preso* oni apenaŭ uzas en la origina senco, sed parolas pri *presado, presisto, presmaŝino, presilo* k. s. Do *preso* en la senco de *gazetaro* apenaŭ povas misgvidi iun.
Do: ĉu adopti ĝin aŭ ne?
Stefan MAUL

## KIO ESTAS PRESILO?

**Multaj esperantistoj, sen longe cerbumi, uzas la vorton *presilo* por tiu aparato, kiu eltajpas tekstojn de komputilo. Ĉu prave?**

Efektive en multaj naciaj lingvoj oni agas same. Aparte amuza estas la kutimo de germanoj, kiuj por presilo en la senco de presmaŝino havas la vorton Druckmaschine kaj la vorton Drucker por presisto; sed por karakterizi la aparaton, kiu eltajpas tekstojn de komputilo, ili nun ankaŭ uzas la vorton Drucker = presisto...
En Esperanto, iuj volas enkonduki specialan terminon: laŭ ili tiu aparato ne *eltajpas* aŭ *presas* sed *printas* kaj la aparato mem estas *printilo* aŭ eĉ *printatoro*.
PIV diferencigas *presilon* de *presmaŝino*, donante por presilo jenan difinon: „Telegrafia aparato, por aŭtomate presi" kaj registras la vorton *telepresilo* kun jena difino: „Telegrafia aparato, plenumanta la rektan presadon literforme de la ricevitaj telegramoj".
Laŭ tio do karakterize por *presi* ne estas nepre, ke maŝino produktas multajn samajn ekzemplerojn, ĉar evidente telegrafia aparato ja ĉiam produktas nur *unu* ekzempleron. En tio superas ĝin la frata aparato de komputilo, ĉar ĝi povas produkti ne nur unu sed plurajn, multajn samajn ekzemplerojn.
Evidente do - se oni ne volas esti kontenta pri *eltajpilo* de komputilo - oni povas uzi la vorton *presilo* laŭ PIV. *Printilo* aŭ *printatoro* same evidente kaj same laŭ PIV estas do absolute superflua balasto ...
Sed, ho ve, kion trovas la miranta surprizito en la plej freŝa suplemento de PIV? Jes, vi divenas ĝuste: **print/i** (tr). Kun du difinoj. La unua: „Fari bildon sur impresiĝema surfaco per trasendo de lumo tra negativo aŭ diapozitivo." Kaj la dua: „Produkti tekston per aŭtomata skribaparato." Kaj krome **printatoro** kun jena difino: „Aparato, kiu konvertas diĝitajn signalojn ricevitajn de procesoro al legebla teksto sur papero."
Ho, bela Esperanto!
Stefan MAUL

PS: Ĵus mi retrovas recenzon de Renato CORSETTI pri *La Bona Lingvo* de Claude PIRON en la numero de marto 1990 de *l'esperanto*, revuo de itala esperanto-federacio. Li skribis i. a.: „Normalaj parolantoj tuj sentis ke *komputilo* estas la vorto por komputilo kaj *presilo* estas la vorto por la ilo, kiu presas tekstojn apud komputilo ... Por ili Esperanto estas lingvo, kiun oni uzas por komuniki, ne por eksperimenti pri novaj eblecoj ne priatentitaj de Zamenhof."
sm

## REVUO DE REVUOJ

*INTERESAJ ARTIKOLOJ EN ESPERANTO-GAZETOJ*

**EL POPOLA ĈINIO**
en n-ro 11/91 en la rubriko INTER NI aperigis kelkajn opiniojn de legantoj pri politikaj artikoloj en la revuo: unu por, alia kontraŭ kaj tria deziras ricevi informojn pri Mao kaj aliaj „sindonemaj komunistoj". La redakcio skribis: *Ni bonvenigas ĉiajn opiniojn kaj laŭeble kontentigos la malsamajn dezirojn de niaj legantoj, kiam ni verkos artikolojn.* Per tio ĝi tamen ne respondas la demandon, ĉu EPĈ estonte aperigos politikajn artikolojn. Fakte en ĉi tiu numero oni vane serĉas vere politikan artikolon.

**HEROLDO DE ESPERANTO**
n-ro 14/91 aperigas artikolon de *Bernard Golden*, kiu malkovras la pseŭdonomojn de dek nunaj esperantistaj aŭtoroj. Krome ĝi informas pri nova prilingva revuo *Prismo* (adreso: PRIZMA, Filozofski fakultet, Račkog 1, YU-71000 Sarajevo, Jugoslavio).

**LITERATURA FOIRO**
en n-ro 133 (oktobro 1991) informas, ke ekde 1992 funkcias nova abonsistemo: internacia abontarifo (IT) kaj orienta abontarifo (OT), „provizore valida nur por la eŭropaj landoj transirantaj al la merkata ekonomio". IT estas 42 svisaj frankoj, OT la duono (21 frankoj).

**ESPERANTO AKTUELL**
organo de Germana E-Asocio ekde 1992 aperos en nova maniero: 4 germanlingvaj kaj 4 numeroj en Esperanto. Por la du diversaj eldonoj, kiuj ambaŭ aperas kun la kutima titolo, oni havas nun du redaktorojn: la germanan redaktos *Franz Stokker*, la esperantlingvan *Ulrich Becker*. Oni povas aboni aŭ nur la apartajn aŭ ĉiujn numerojn kune.

**ESPERANTO**
organo de UEA
en n-ro 10/91 informas, ke en Mongolio eldonejo Ĉandmanj intencas eldoni ankaŭ trimonatan revuon *Eterna ĉielo*. Provekzemplero estas havebla kontraŭ 0,50 usonaj dolaroj aŭ egalvalora valuto; jarabono 3,00 usonaj dolaroj. Adreso: Pk. 21-797, Ulan-Bator, Mongolio. Konto: Ulaanbaatara banko, n-ro 151005.

**RADIO POLONIA**
informas, ke de meze de septembro 1991 por la Esperanto-elsendoj je la 15.30 h (GMT) validas novaj ondoj: 41,18 m (7285 kHz) kaj 49,22 (6905 kHz).

## PERSONE

**Arthur BAUR**, kiu dum 44 jaroj senhalte redaktis tekstojn por la Esperanto-elsendoj de svisaj kurtondoj kaj mem disaŭdigis ilin, la rezulton de sia laboro resumis en sia lasta elsendo. *Literatura Foiro* en numero 133 (oktobro 1991) dokumentas ĉi tiun resumon.

**Hedwig** kaj **Rudolf FISCHER** el du kaj duona jaroj de redaktado de l' organo de Germana E-Asocio, *Esperanto aktuell*, spertis ke malseriozaĵoj ne trovis multan aprobon. En sia adiaŭa artikolo (n-ro 8/91) ili skribas: „Plej grandan aplaŭdon ricevis ‚batalecaj' artikoloj kontraŭ malamikoj de nia afero aŭ bazaj, movadtemaj eseoj; plej malgrandan eĥon, eĉ kritikon (kaj eksmembriĝon!) provokis malseriozaĵoj kiel la aprilaj ŝercoj. Ĉu tro multaj Germanaj Esperantistoj estas senhumuraj?"

**Rudolf BURMEISTER**, redaktoro de *La Verda Lupeo*, havas novan adreson: Max-Müller-Str. 62, D-O-9051 Chemnitz.

**Ferenc PHERSY**, la redaktoro de *Hungara Informilo* (la jura postorgano de *Budapeŝta Informilo*) plendas, ke li ricevas tro malmultajn informojn de la membroj de Hungara E-Asocio, kiu subvencias la bultenon. Per tiu ĉi plendo li reagis al la plendoj de legantoj, ke ĝi ne donas sufiĉan informon. Krome li atentigas, ke la ekonomia situacio ne permesas - kiel ŝajne atendas multaj membroj - senpagan dissendadon.

**Romuald Iosifoviĉ SIKORSKI**, elstara ruslanda esperantisto kaj aŭtoro de ekz. *The International Language Review*, *Scienca Mondo* kaj *Norda Prismo*, laŭ informo de *Ruslanda Esperantisto* mortis la 5an de septembro 1991 en Omsk.

**Andy KÜNZLI**, Svislando, fine de 1991 eksiĝis kiel redaktoro de *TEJO TUTMONDE* (TT); li fariĝis redaktoro de la rubriko *politiko* de *Monato*. Lia posteulo ĉe TT estas **Klaus DAHMANN** (Germanio).

## Odo al Ĵurnalisto

*La 22an de junio 1991 mortis bulgara ĵurnalisto* Ivan Dimitrov Keremidĉiev-Esperov (1910 - 1991). *Li estis profesia ĵurnalisto kaj krome tre ŝatis sin dediĉi al daŭra organiza agado en la kampo de ĵurnalismo, estis vicprezidanto de TEĴA kaj ĉefredaktoro de Internacia Ĵurnalisto.*
*Canko MURGIN dediĉas al li sian odon:*

La radaro
de l' homaro
ĵurnalisto estas -
li muzikas,
mozaikas
pri soci-tempestoj.

Li - sur monto -
klara fonto
al ĝardenoj fluas -
akvofalo
al centralo -
li salt-muĝe bruas.

Li elektro
kvazaŭ spektro -
helas domoj buntaj
kaj arbare
ofte faras
segon de l' fi-trunkoj.

Per sputnikaj
komunikoj
li - herold' de l' vero:
rul-destino,
pres-maŝino -
gazetar-rivero...

Televide,
tuj-rapide
li projektas bildon.
Li - radaro
de l' homaro -
li - libero-ŝildo.

*22a de junio 1991*
*en Sofio, Bulgario*

# Rerigardo

## *Karikaturoj el la pasintaj monatoj*

Desegnaĵoj de Horst Haitzinger el MONATO (de supre) numero 11/91 numero 9/91 numero 11/91




*„Mi kredas, ke nun iomete urĝas!"*

*Geografi-leciono 1991.*







*„Ne estu malgaja, vi ja havas ankoraŭ nin!"*